# tempo

Gazeto de Kroata Esperanto-Ligo
Časopis Hrvatskog saveza za esperanto

decembro 2002




- Nane Annan en Zagrebo transprenis siajn librojn "Unuiĝintaj Nacioj - Venu kun mi"
- Stephanie Strunjak gajnis premion pri fabelo kaj estis elektita por "Zagrebanino 2002"
- René Matoušek, post 11 jaroj, enterigita en Vukovar
- Vida Jerman omaĝas al Brazilo
- Baldaŭ nova adreso: http://www.esperanto.hr

# Karaj legantoj,

Esperantistoj en Zagrebo gaje finis la jaron 2002. Stephanie Strunjak, 13-jara lernantino en elementa lernejo, estis en la decembra enketo de la kroata gazeto "Jutarnji list" elektita por la zagrebanino de la jaro 2002. Ŝi fariĝis kandidato por la nomumo dank' al gajnita premio en Finnlando pro la fabelkonkurso. Ŝi per sia fabelo "Kiel formikbebo savis formikejon kaj renkontis Avon Froston" gajnis en la fabelkonkurso kiun sub aŭspicio de UEA organizas Instituto Päätalo en Finnlando (kies direktoro estas Osmo Buller). Stephanie verkas fabelojn en la kroata kaj ŝia instruistino Judita Rey Hudeček helpis al ŝi esperantigi siajn fabelojn por la konkurso. Stephanie gajnis premiojn en sia kategorio en la lastaj tri jaroj. Tiuj sukcesoj, kaj precipe la ĉi-jara premio, ebligis vastskalan informon pri Esperanto en Kroatio: Post kiam la aŭtentika Julavo el Finnlando persone transdonis al ŝi la premion antaŭ 20.000 ĉeestantoj dum la festo sur la ĉefa zagreba placo, la 6-an de decembro 2002, Stephanie gastis en kelkaj TV-elsendoj kaj donis plurajn intervjuojn. Ŝi gajnis 24,7% de ĉiuj voĉoj de la gazeto "Jutarnji list". Estas interese mencii ke la 83-jara kaj ege aktiva zagreba esperantistino Sava Matetić-Lučić gajnis duan lokon post Stephanie kun 13,6% voĉdoj. Esperantistoj kiuj kolektiĝis ĉe Zamenhof-tago kaj voĉdonis per la gazetkuponoj, verŝajne ankaŭ grave kontribuiis al tiu elekto. Jen unu el la manieroj kiel eblas informi pri Esperanto ... maniero malfacile planebla.



**Sur la foto:** Sava Matetić-Lučić kaj Stephanie Strunjak dum la Zamenhof-festo 2002, kiam ankoraŭ ne estis konate ke ili ambaŭ gajnos la unuajn du premiojn per voĉdonado de la legantoj.

Nia titolpaĝo omaĝas al la libro de Nane Annan. La bildlibro pri Unuiĝintaj Nacioj verkita el la vidpunkto de la edzino de la ĝenerala sekretario de UN Kofi Annan estis en Zagrebo lanĉita okaze de la zagreba Universala Kongreso en 2001 en du eldonoj: kroata kaj Esperanta. La Esperanta eldono intertempe dum la Universala Kongreso de Esperanto en Brazilo atingis la 19-an lokon inter la 20 plej multe vendataj libroj de la kongresa libroservo. Pri la kroata eldono montriĝis malpli da intereso. La 20-an de novembro 2002 dum la oficiala vizito de Kofi Annan al Zagreb, Kroata Esperanto-Ligo havis la okazon transdoni la aŭtorajn ekzemplerojn de la libro al Nane Annan dum la festo honore al Konvencio pri infanrajtoj. La kroatan kaj Esperantan versiojn de la libro

*Foto: Boris Šćitar ("Večernji list")*



*Nane Annan, Milka Mesić, Dijana Pleština*

publike sur la scenejo de Teatro Gavella transdonis knabino Tina Tišljar (sur la titolpaĝa foto). Pli ol sescent ĉeestintoj, inter ili kelkaj ministroj, dum la solenaĵo povis aŭdi pri tiuj tradukprojektoj de Kroata Esperanto-Ligo.

Nia lasta paĝo portas al vi bondezirojn por la Nova Jaro 2003. Kvankam vi jam ĉiuj malmuntos Kristnaskajn ornamaĵojn kiam tiu numero de "Tempo" atingos vin, ni direktas al vi vintran saluton per la foto de Vanja Radovanović. Stephanie Strunjak, la zagrebanino de la jaro 2002 salutas vin de nia lasta paĝo.

*S. Štimec*


## *Tempo*

Fondita en 1980. Ne aperis en militaj jaroj 1993 kaj 1994.
Aperas laŭeble kvarfoje jare - Jaro XXI, numero 4/2002
ISSN 0352-1583

**Redakcio:** Kneza Mislava 11/III,
HR-10000 Zagreb, Kroatio
**tel:** (385 1) 46 17 550, **fakso:** (385 1) 46 19 373
**rete:** esperanto@zg.tel.hr
http:// free-zg.hinet.hr/esperanto/
Tiu ĉi numero estas eldonita per helpo de Ministerio pri kulturo de Respubliko Kroatio
**Kontribuis:** Darko Blažić, Ivo Borovečki, Probal Daŝgupto, Boris Di Costanzo, Vida Jerman, "Gloria", Georgo Handzlik, Zora Heide, Faruk Islamović, Kikushima Kazuko, Saša Kocian, Davor Klobučar, Vjekoslav Morankić, David Rey Hudeček, "Reporter", Vanja Radovanović, Nikola Rašić, Boris Šćitar Mato Špekuljak, Spomenka Štimec, Marcel Trampuh, Manca Turk, "Večernji list".
**Tajpis:** Spomenka Štimec
**Redaktoro:** Spomenka Štimec
**Grafike aranĝis:** Josip Pleadin
**Presis:** Grafokom, Đurđevac, grafokom@kc.hinet.hr
**Anonctarifo** 1/1 paĝo 1000 kn (135 EUR), 1/2 paĝo 500 kn (68 EUR).
**Abono:** 4 numeroj jare 40 kn (9,5 EUR)
unuopa numero 10 kn (1,5 EUR)
***La redakcio ne respondecas pri opinioj en la subskribitaj tekstoj.***

# VIDA JERMAN OMAĜIS AL BRAZILO PER KOMPAKTDISKO

Ne ĉiam ni konservas niajn kongresajn programerojn por plua ĝuo. La zagreba aktorino Vida Jerman kaj ŝia teatra trupo "Ponto" decidis savi la kulturan eron de la Universala Kongreso en Fortalezo de pereo: sian brazilan programon ŝi nun proponas al ni per kompaktdisko titolita "Brazila akvarelo". La kompaktdiskon ŝi dediĉis al eta knabo Igor el komunumo Bona Espero, per kies foto ŝi ornamis la kompaktdiskon. Temas pri 23 kanzonoj en daŭro de 34 minutoj kiujn Vida recitas aŭ parte kantas. La recitalo baziĝas sur la poemoj de brazila poeto Castro Alves (naskiĝinta en 1847) kiuj povas esti komprenataj pli bone, kiam la aŭskultanto konas ties historian fonon. Mila Ramos, poetino de la 20-ajarcento, kaj ŝia poemaro "Sordine" eldonita ĉe "Fonto" en 1955, donis pli modernan kadron al la versoj de la disko. Leopoldo H. Knoedt esperantigis la poemojn kiujn Vida voĉe riĉigis. El la serio de kanzonoj (kiujn Vida mem subskribas kiel tradukinto) al la publiko dum la lanĉo ĉe Zamenhoftago la 16-an de decembro 2002 en Zagrebo plej evidente plaĉis la vigla "Maculele" de kanzonistoj Nazare Pereira kaj Delcio Carvalho, kies ritmo pli sorĉis ol teksto pri "militglavo alportita" kaj "sur brust' mia stelo radiantas".

Neven Mrzlečki subskribas la muzikaranĝon de la kompaktdisko kaj akompanas la versojn per sia sorĉtona gitaro. La kompaktdisko estas pliriĉigita per tekstlibreto kiu ebligas sekvi la tekstojn, kun ampleksa biografio de Vida kaj malekvilibre modesta de Neven. Enkondukaj vortoj de poeto Sylla Chaves helpas al eksterbrazilanoj kompreni la historian kadron en kiu la poemoj kaj kanzonoj estis kreitaj.




Ne estas simpla tasko el la giganta Brazilo elekti la plej reprezentajn poeziajn kaj muzikajn verkojn. Ni eksteruloj povas nur gratuli al Vida Jerman sed brazilanoj estas tiuj, kiuj povos plej kompetente juĝi la grandan laboron investitan por ke la Esperanta kulturo havu unu plian muzikan tavolon.

Pri la sceneja laboro de Vida Jerman parolis d-ro Velimir Piškorec, dum la konata zagreba kanzonisto Zvonko Špišić favore komentis pri sia renkontiĝo kun la kanzonoj en Esperanto.

*S. Štimec*

# "TILLA" LANĈITA

En la Biblioteko Staglišće en Zagrebo la 7-an de novembro 2002 estis lanĉita la nova libro de Spomenka Štimec "Tilla", inspirita per la vivo de la fama germana aktorino Tilla Durieux.

D-ro Velimir Piškorec prezentis la aŭtorinon kiu mem parolis pri la libro. Vera Roknić legis la recenzon de d-ro Renato Corsetti publikigita en la itala gazeto "l' esperanto". Dum la Monato de la libro en la biblioteko estis ekspozicitaj libroj de SpomenkaŠtimec.

En novembro 2002 "Tilla" estas la ĉefheroo de la teatraĵo "La skatolo de Tilla" kiun reĝisoris Dubravka Crnojević-Carić en Zagrebačko kazalište mladih.



**Sur la foto:** Velimir Piškorec, Spomenka Štimec kaj Vera Roknić.



# SESA KONGRESO DE KROATAJ ESPERANTISTOJ - ZAGREBO, 2003

La prezidantaro de KEL akceptis en sia kunsido de la 12-a de decembro 2002 la programon de la 6-a kongreso de kroataj esperantistoj en Zagrebo. Tiam esperantistoj festos 95 jarojn de Esperanto en Zagrebo. La loko por la Kongreso estas ankorau serĉata.

Ĝis la 31-a de marto validas 50% rabato por ĉiuj aliĝoj. Eksterlandaj gastoj estas bonvenaj partopreni sen kotizpago. (Lernantoj kaj pensiuloj pagas 30 kn ĝis la martofino).

En la programo estas antauvidita:

- Ĉefprelego de Andrej Korobejnikov (17 jara), absolvento de Libera Eŭropa Universitato, Moskva: "Rajto je lingvo",
- Prezento de magiisto Trixini por infanoj kaj plenkreskuloj,
- Kunsido de delegitoj kaj membroj de UEA: gvidas la nova ĉefdelegito por Kroatio Josip Pleadin,
- Pianokoncerton de Andrej Korobejnikov

ktp



***Ni ĝojas povi denove saluti en Zagrebo junan rusan komponiston Andrej Korobejnikov (sur la foto dum sia vizito al Kroatio en 2001).***

---



## HELPANTOJ DE UK RERICEVIS PARTON DE SIAJ KONGRESKOTIZOJ

Dum la kunsido de Prezidantaro de KEL la 12-an de decembro 2002 estis akceptita "La spezkonto de la 86-a Universala Kongreso de Esperanto 2001", aprobita de la estraro de UEA. Laŭ la spezkonto 50 helpantoj devus rericevi sian kotizojn. Željka Keleva, la iama estro de la helpantoj, denove havis multe da laboro por kompili la liston de helpantoj kun la analizo de la farita laboro. Kunlaboris Dinka Šimunić, Spomenka Štimec kaj Faruk Islamović. La unuaj helpantoj de la listo jam rericevis parton de sia kotizo dum Zamenhof-tago 2002 en Zagrebo. La eksterzagrebaj helpantoj estas petataj akcepti sian repagon dum la Jarkunveno de KEL en februaro 2003. Entute 2000 eŭroj "revenas" al la helpantoj. (La helpantoj ne ricevis tiun parton de sia kotizo kiun por ili en 2000 kaj 2001 enpagis "Zagrebačka banka" per Projekto "Junaj kongresaj helpantoj" respektive "Projekto de helpo al la 86-a UK" flanke de Registaro de Respubliko Kroatio (por ne-junaj helpantoj).

---

## INTERNACIA SEMINARIO EN GERMANIO

La ĉi-jara IS, tradicia aranĝo por gejunuloj kiu okazis jam la 44-an fojon (!) gastis inter la 27-a de decembro kaj la 3-a de januaro en Germanio, en la plej malnova germana urbo Trier. Ĝin partoprenis ĉirkaŭ 300 gejunuloj ĉefe el Eŭropo. La ĉefa temo estis "Ekstremismo", sed evidentiĝis ke multaj pli interesiĝis pri distraj programoj ol pri seriozaj temoj.

Kroation prezentis 8-persona grupo el Zagrebo. Temis pri drama grupo de SEK kaj 3-persona grupo de mezlernejanoj. La SEK-anoj prezentis teatraĵon de Vanja Radovanović "Instrukcioj pri simpla vivo harmonie kun la naturo". Al la sukceso de la teatraĵo kontribuis ankaŭ du geamikoj el Slovenio kiuj ankaŭ kunvojaĝis.

Por mezlernejanoj Jelena Lončarević, Darko Blažić kaj David Rey Hudeček la vojaĝo al Trier fakte estis iaspeca honorario por diligenta laboro. Nome, ĉiuj tri gimnazianoj mem instruas Esperanton: David kaj Darko por siaj samaĝuloj kaj Jelena, ilia lernantino, gvidas novan grupeton de gelernantoj en Elementa lernejo "Mato Lovrak" en Dubrava. Darko ricevis subvencion por partopreni en IS de Kroata Esperanto-Ligo, David de Esperanto-Societo "Bude Borjan" kaj Jelena de la lernejo en kiu ŝi instruas Esperanton al bazlernejanoj.

Darko kaj David dum Internacia vespero prezentis KEL-projekton por somero 2003 "Mezeŭropo estas mia hejmo" kaj alvokis partoprenantojn al Kroatio.

***David Rey Hudeček***

# NI INSTRUAS KAJ INSTRUOS EN 2003

## En Zagrebo

1. **Esperanto-Societo "Bude Borjan"**, Amruševa 5
   Kurso por komencantoj
   Instruas: Gordana Jurina
   Merkrede je la 19h00

2. **Esperanto-Societo "Bude Borjan"**
   Kurso por progresantoj
   Instruas: Vladimir Dujnić
   Ĵaŭde je la 19h00 en Kneza Mislava 11

3. **Postkomencanta kurso por gimnazianoj**
   Instruas: Darko Blažić kaj David Rey Hudeček
   Sabate je la 13h00 en Kneza Mislava 11

4. **C - Supera Kurso** ("Vojaĝo en Esperanto-Lando")
   Instruas: Spomenka Štimec
   Merkrede je la 20h15 en Amruševa 5

5. **Komputila kurso por geavoj**
   Gvidas: Ankica Jagnjić
   Lunde je la 19h00 en Kneza Mislava 11

6. **Studenta Esperanto-Klubo**
   Kurso por komencantoj
   Instruas: Marta Kovač
   La kurso finiĝis en decembro 2002

7. **Studenta Esperanto-Klubo**
   Kurso por postkomencantoj
   Instruas: Dag Treer

**Kursoj en zagrebaj elementaj lernejoj**

8. **Osnovna škola "Mladost"**, Utrine, Zagreb
   Instruas: Marija Jerković
   Merkrede kaj vendrede je la 12h00-13h00

9. **Osnovna škola Gustava Krkleca**, Zagreb
   Instruas: Ida Bogadi
   Vendrede je la 13h00

10. **Osnovna škola Mate Lovraka**, Zagreb
    Instruas Jelena Lončarević, lernantino

11. **Osnovna škola Retkovec**, Zagreb
    Instruas: Judita Rey Hudeček

12. **Centar za odgoj, obrazovanje i osposobljavanje djece i mladeži**, Dubrava
    Instruas: Judita Rey Hudeček

Entute en Zagrebo: 12 kursoj



*"June kaj kune"*: estas la nova frapfrazo de TEJO

## En Kroatio (ekster Zagrebo)

### RIJEKA

1. **Esperanto-Societo Rijeka**
   Kurso por komencantoj
   Instruas: Josipa Katunar
   Marde je la 18h00

2. Elementa lernejo Andrija Mohorovičića Matulji
   Kurso por postkomencantoj
   Instruas: Emil Hrvatin

### OSIJEK

1. **Esperanto-Societo "Liberiga Stelo"**
   Kurso por komencantoj
   Instruas: Hrvoje Sandukčić
   Lunde je la 19h00

Entute ekster Zagrebo: 3 kursoj

### SUBVENCIO AL ESPERANTO-KURSO

Elementa lernejo Gustava Krkleca en Zagrebo kie Esperantan kurson gvidas instruistino Ida Bogadi, ricevis financan subtenon por sia laboro. Instruistino legis en lerneja gazeto "Školske novine" en septembro 2002 alvokon al konkurso. Oni invitis lernejojn kandidatiĝi per projektoj, kiuj helpas al la klerigo de aparte talentitaj infanoj. La lernejo anoncis al la urba lerneja instanco sian Esperanto-grupeton "Saĝuletoj" por la projekto. Kelkajn monatojn poste, jen la bazaj rimedoj estis aprobitaj. Eble ankoraŭ iu lernejo emus imiti la ekzemplon de Ida Bogadi kaj atenti pri lernejaj konkursoj de Uprava za školstvo dum septembraj jarkomenciĝoj?

# VOJAĜO AL 88-a UK EN GOTENBURGO

## SVEDIO

Svedio estas laŭ grandeco la kvina lando en Eŭropo. Arbaroj kovras pli ol duonon de ĝia surfaco. Ĉirkau 100.000 lagoj kun arbaro karakterizas tre belan svedan naturon.

La granda lando ne havas multe da loĝantoj: nur naŭ milionojn. Plimulto estas svedoj kaj el minoritatoj la plej grandaj estas laponoj kiuj loĝas en ĝia norda parto. En Svedio 84 % da loĝantoj apartenas al evangeli-luterana aŭ Sveda eklezio. Svedio estas ŝtato kun parlamenta demokratio. Laŭ elektoj el 1998 la plej forta partio estas Socialdemokratoj kaj sekvas Konservativuloj. La nuna reĝo Carl XVI Gustaf estas esence protokola institucio. Oni diras ke Svedio estas la monda ĉampiono rilate la demandon pri egaleco de seksoj. En la sveda parlamento 42,7 % estas virinoj. Tre interesa afero estas ke svedoj ĝuas pacon jam 200 jarojn. La lasta milito okazis en 1808 kontraŭ Rusio kaj post ĝi Svedio perdis Finnlandon. Dum la Unua kaj Dua mondmilitoj Svedio estis neŭtrala. Hodiau Svedio tre forte subtenas UN kaj aktive kunlaboras kun siaj najbaroj. Dum ĉiu jaro pli ol 60.000 svedaj soldatoj servas tra la tuta mondo en pacmisioj de UN. Kiam la 1-an de januaro 1999 ekfunkciis Eŭropa monunuiĝo Svedio elektis resti ekster ĝi. Pri tiu demando popolo poste decidos per voĉdonado. En la 19-a jarcento tre malriĉa lando, Svedio hodiaŭ apartenas al la plej riĉaj en la mondo. Ĝi eksportas aŭtojn (Volvo), meblaron (Ikea), elektronikajn produktojn (Ericsson), paperon, kemiajn produktojn, ktp. Dum lastaj jaroj Svedion vizitas pli kaj pli da turistoj. La netuŝita naturo kaj bonaj ripozblecoj estas bonaj atutoj. La naturprotektado estas tre grava demando en Svedio. Ĝenerale svedoj vivas tre bone. La meza vivdaŭro por viroj estas 76,7 jaroj kaj por virinoj eĉ 81,8 jaroj. Tre impona estas la fakto, ke pli ol unu triono de mezlernejanoj daŭrigas la edukadon en universitatoj. Oni eĉ celas tiun nombron plialtigi al duono da mezlernejanoj! La plej konataj svedoj: muzikgrupo Abba, reĝisoro Ingmar Bergman, aktorino Ingrid Bergman ("Casablanca"), tenisisto Björn Borg, aktorino Greta Garbo, verkistino Astrid Lundgren, sciencisto Alfred Nobel, ŝtatprezidanto Olaf Palme kaj verkisto, patro de sveda literaturo August Strindberg.

***Faruk Islamović***



Kroata Esperanto-Ligo post longa paŭzo organizas por sia membraro vojaĝon al la ĉi-jara UK. Lastjare la Kongreso okazis en tre alloga sed fora lando Brazilo. Pro longeco de la vojaĝo kaj grandaj elspezoj nur kelkaj niaj membroj sukcesis ĝui la etoson de la plej granda Esperanta evento. Venontjare la Kongreso okazos en Ĉinio kaj verŝajne la plimulto ne sukcesos viziti ĝin. Pro tio la kroataj esperantistoj ne rajtas maltrafi la ĉi-jaran eblecon viziti la 88-an UK en Gotenburgo. Universala Kongreso de Esperanto ofertas multajn eblecojn. Samkiel oni diras ke Esperanto ne estas nur lingvo tiel ankaŭ UK ne estas ordinara kongreso. Ĉiu esperantisto devas apenaŭ unufoje senti la etoson de plena salono dum solena malfermo kiam ĉiuj esperantistoj kantas Esperantan himnon. UK havas riĉan programon por ĉia gusto kaj neforgeseblan ĉiutagan noktan programon. Tamen la distanco inter Zagrebo kaj la kongresa urbo ne estas malgranda: ĉirkaŭ 2200 kilometroj. La organiza teamo preparis tre allogan programon. Dum nia vojaĝo ni vizitos sep landojn kaj kvar ĉefurbojn. Planitaj estas survojaj tranoktadoj kaj eĉ tri ekskursoj en Svedio. Ni vizitos Kopenhagon, Oslon, Berlinon kaj por ni ĉiam allogan Pragon. El Gotenburgo ni havos unu tuttagan kaj unu duontagan ekskurson. Tranoktado en Gotenburgo estos en dulitaj ĉambroj de Studenta hejmo. Multaj kiuj vizitis Svedion kaj tranoktis tie diris, ke la svedaj studentaj hejmoj havas kvaliton de iuj kroataj hoteloj B-kategoriaj. Ĉiu sperta turisto scias ke vojaĝo en Esperanta buso povas oferti tre bonan kaj neforgeseblan etoson. Ĝis nun aliĝis 17 vojaĝantoj. Ni invitas vin aliĝi ĉar via loko en buso atendas vin.

***Faruk Islamović***

### Plano de la vojaĝo

**0-a tago - 24-an de julio 2003, ĵaŭdo**
ZAGREBO - LÜBECK
22h00 Ekiro de la buso de agentejo "Generalturist" de la Busa stacidomo en Zagrebo.

**1-a tago - 25-an de julio 2003, vendredo**
ZAGREBO - LÜBECK
Daŭrigo de nokta vojaĝo kun survojaj haltoj tra Slovenio, Aŭstrio kaj Germanio ĝis Lübeck.
20h00 - Alveno al hostelo en ĉirkaŭaĵo de Lübeck. Vespermanĝo. Tranoktado en plurlitaj ĉambroj kun komuna banejo.

**2-a tago - 26-an de julio 2003, sabato**
LÜBECK - KOPENHAGO - GOTENBURGO
06h00 - Ekveturo al Puttgarden.
07h00 - Enŝipiĝo kaj vojaĝo al Rødbyhavn (Danio).
09h00 - Daŭrigo de la vojaĝo al Kopenhago.
11h30 - Alveno al Kopenhago kaj urbotrarigardo.
14h00 - Daŭrigo de la vojaĝo al Helsingor. Enŝipiĝo kaj vojaĝo al Helsinborg (Svedio). Daŭrigo de la vojaĝo al Gotenburgo.
20h00 - Planita alveno en Gotenburgon.
Tranoktado en studenta hejmo, 10 minutojn for de la kongresejo Svenska Mässan kie okazos UK-programo. Ĉiuj ĉambroj estas dulitaj kaj havas propran banejon. La studenta hejmo troviĝas 5 tramhaltejojn de la urbocentro.

**3-a tago - 27-an de julio 2003. dimanĉo**
GOTENBURGO
10h00 - Solena malfermo de la 88-a Universala Kongreso de Esperanto.
14h00 - Urbotrarigardo de Gotenburgo buse kaj piede.

**4-a tago - 28-an de julio 2003, lundo**
TUTAGA EKSKURSO
08h00 - Tuttaga ekskurso al unu el turismaj celoj en ĉirkaŭaĵo de Gotenburgo.
18h00 - Reveno.

**5-a tago - 29-an de julio 2003, mardo**
GOTENBURGO
Libera tago - Kongresa programo.

**6-a tago - 30-an de julio 2003, merkredo**
TUTTAGA EKSKURSO AL OSLO
07h00 - Ekiro al Oslo (Norvegio).
12h00 - Alveno al Oslo kaj urbotrarigardo.
17h00 - Ekiro al Gotenburgo.
22h00 - Planita alveno al Gotenburgo.

**7-a tago - 31-an de julio 2003, ĵaŭdo**
DUONTAGA EKSKURSO
08h00 - Duontaga ekskurso al unu el turismaj celoj en ĉirkaŭaĵo de Gotenburgo.
13h00 - Reveno.
Posttagmeze - kongresa programo.

**8-a tago - 1-an de aŭgusto 2003, vendredo**
GOTENBURGO
Libera tago - Kongresa programo.

**9-a tago - 2-an de aŭgusto 2003, sabato**
GOTENBURGO - TRELLEBORG
10h00 - Solena Fermo de 88-a Universala Kongreso de Esperanto.
14h00 - Ekiro el Gotenburgo al Trelleborg.
22h30 - Enŝipiĝo kaj nokta vojaĝo al Sassnitz (Germanio).

**10-a tago - 3-an de aŭgusto 2003, dimanĉo**
SASSNITZ - BERLINO - PRAGO
02h30 - Alveno al Sassnitz kaj daŭrigo de nokta vojaĝo al Berlin.
08h00 - Alveno al Berlin kaj urbotrarigardo.
13h00 - Ekiro al Prag.
19h00 - Alveno al Prago kaj studenta hejmo. Tranoktado en dulitaj ĉambroj (komuna banejo kun najbara ĉambro).
20h00 - Vespermanĝo.

**11-a tago - 4-an de aŭgusto 2003, lundo**
PRAGO - ZAGREBO
07h00 - Matenmanĝo.
08h00 - Urbotrarigardo de Prago.
12h00 - Ekiro al Zagrebo tra Vieno.
22h00 - Planita alveno en Zagrebo.

**PREZO DE LA VOJAĜO PO PERSONO:**
**580 eŭroj**

**La prezo inkluzivas:**
- Vojaĝon Zagrebo-Gotenburgo-Zagrebo en komforta buso "Volvo" (klimatizilo, video),
- Vespermanĝon kaj tranoktadon en hostelo en ĉirkaŭaĵo de Lübeck en plurlitaj ĉambroj kun komuna banejo,
- Tranoktadon en Gotenburgo en studenta hejmo en dulitaj ĉambroj kun propra banejo,
- Tuttagan ekskurson al Oslo,
- Tuttagan ekskurson al unu el turismaj celoj en ĉirkaŭaĵo de Gotenburgo,
- Duontagan ekskurson al unu el turismaj celoj en ĉirkaŭaĵo de Gotenburgo,
- Vespermanĝon, tranoktadon kaj matenmanĝon en studenta hejmo en Prago en dulitaj ĉambroj,
- Urbotrarigardon de Gotenburgo, Kopenhago, Oslo, Berlino kaj Prago,
- Vojaĝasekuron.

Organizantoj de la vojaĝo estas Kroata Esperanto-Ligo kaj respondeculoj Faruk Islamović 098/1602-805 kaj David Rey 091/5792-171.

Por ĉeesti la kongresan programon oni devas pagi MJ (Membro kun Jarlibro - 76 kn) aŭ MA (Membro-Abonanto - 190 kn) membrokotizon de UEA por 2003 kaj la kongresan kotizon. La pagojn akceptas Josip Pleadin (098/248-574), Grkinska 1, 48350 Đurđevac, UEA-ĉefdelegito por Kroatio.

# LA ZAMENHOFA TAGO EN ZAGREBO 2002

La zagreba Zamenhof-Tago estis festita la 16-an de decembro je la 19-a horo en Hotelo "International".

La lanĉo de nova kompakt-disko de Vida Jerman (gitara akompano de Neven Mrzlečki) estis dediĉita al Brazilo. Pri la kontribuo de Vida Jerman al Esperanto-kulturo parolis d-ro Velimir Piškorec. Konata kroata kanzonisto Zvonko Špišić komentis pri sia renkontiĝo kun E-kanzonoj.

La kompakt-disko "BRAZILA AKVARELO" kiel sian bazon havas la kongresan programon de Vida Jerman dum UK en Fortaleza. La kroata Zamenhof-programo por sesdeko da ĉeestintoj rezultis per 3 televidaj elsendoj, du el kiuj estis elsenditaj la 17-an de decembro 2002.

Dum la programo Kroata Esperanto-Ligo enmanigis premiojn al du siaj membroj Stephanie Strunjak, 13-jara, kaj Sava Matetić-Lučić, 83-jara, kiuj estis kandidatoj por la premio "Zagrebano de la jaro 2002" en kampanjo de la zagreba gazeto "Jutarnji list" kaj pri kiuj inter 15 zagrebanoj voĉdonis legantoj dum decembro 2002.

***Spomenka Štimec***

René Matoušek, pereinta en Vukovar

# RENÉ POST 11 JAROJ RICEVIS SIAN TOMBON

Vukovar 1958 - 1991 - 2002



*En lia hejmo en Vukovar, memortablo dum la enterigo.*

ĉaso

ekiris mi
fruaŭrore
modelajn
kondutojn
ĉasadi

nur kelkajn
mi kaptis
etajn
kaj mi lasis
ilin for

Tradukis: Nikola Rašić

Post 11 jaroj da serĉado estis trovitaj la restaĵoj de la korpo de René Matoušek, esperantisto, kiu malaperis komence de la milito en Vukovar la 20-an de novembro 1991.

Poeto, satiristo, kanzonisto, komponisto, dentisto laŭ profesio, multtalenta juna homo nun definitive havas sian tombon en la tombejo de Vukovar: la patrino Božica rericevis lian orĉenon. La medicinaj esploroj pruvis la identecon. Li mortis pro pafvundo en la maldekstran torakparton.

Tiel pruviĝis la plej malbonaj supozoj kiuj ne donis multe da espero dum la jardeko pasinta.

Li naskiĝis en Vukovar la 7-an de februaro 1958. Kiam li ekstudis stomatologion en Zagrebo, li translokiĝis al Velika Gorica ĉe sia avino. Esperanton li lernis en Studenta Esperanto-Klubo en Zagrebo kaj baldaŭ li fariĝis prezidanto de Esperanto-Klubo en Velika Gorica. La internacia publiko povis vidi lin dum la Universala Kongreso en Antverpeno (1982) en la teatraĵo "Gastamo" de Spomenka Štimec. Li estis talenta amuzisto kian konis lin ankaŭ la partoprenantaro de la tiama Internacia Junulara Kongreso en Leuven. En 1982 li eldonis sian unuan kroatlingvan poemaron titolita "Forta ligilo". Li konsternis siajn kolegojn per la titolpaĝo kiun li mem kreis: sian junan kapon li ligis per hundoĉeno. Lia dua poemaro venis al Zagrebo kunpremita en eta skatolo en la formo de la japana flago: li verkis hajko-poezion pri la dalmata vilaĝo Žegar, kie li postenis kiel dentisto. La libreto estis eldonita per cirila skribo en la jaro 1987 en Odžaci, presita en presejo "Batalanto" en Kula.



*René muzikas sur la strato de Louven en Belgio en 1982 (Foto de Ivan Špoljarec)*

La 18-an de aŭgusto de la jaro 1990 zagreba gazeto "Večernji list" publikigis lian novelon "Malamiko de la arboj". "Mi devas prepari min. La malamiko venos post kelkaj momentoj. Mi devas vesti min. Mi surmetos nur sportajn trikotvestojn, la nigrajn, ili bone konvenas al mi. La lignajn duonŝuojn same. La pantofloj ne plu rekoneblas. Kafon mi preparos kaj ellasos Paŝan el la domo por fari siajn matenajn taskojn."

Nur 19 monatoj post kiam li publikigis tiujn liniojn, la 19-an de novembro 1991 en la detruita urbo Vukovar soldatoj frapis al lia hejmpordo. Li surmetis la nigran trokotvestaĵon, li donis lignjan duonŝuojn al la panjo. Lara, la hundo de la familio Matoušek la unua eliris el la domo kaj ricevis kuglopafon. Elpelitaj el la hejmo, kiel ĉiuj ne-serboj. René marŝis apud la panjo. Lia frato Robert, same dentisto kiel li, estis inter la unuaj marŝantoj de la procesio, kiu devige direktiĝis al la vukovara deponejoVelepromet. La unuajn horojn en la deponejo la du fratoj kune pasigis. Poste iu serba soldato eniris kaj vokis la nomon de René. Li esktaris de sia sidkesto kaj direktiĝis al la pordo. Krio aŭdeblis.

Dum lia frato Robert kaj panjo Božica sukcesis per komplikaj militaj vojoj atingi Zagrebon, René estis nenie trovebla. Oni serĉis milojn da malaperintoj. Dum 11 jaroj ankaŭ esperantistoj atente aŭskultis ĉiun eblan informsignon por aŭdi

*Hajkokolekto "Žegar" el la jaro 1988. Li planis esperantigi ĝin.*




pri li. En novembro 2002 alvenis la novaĵo: li estis identigita inter la nekonataj restaĵoj en la tombejo de Vukovar.

Sepdeko da geamikoj el Velika Gorica veturis al Vukovar por la enterigo de la amiko.

Ankaŭ funebra florkorno de esperantistoj alvenis.

La panjo gastigis la sepdekon post la enterigo en la bela hejmo de René kaj Robert, renovigita post la militaj detruoj. La familio kun la riĉa tradicio (la geavoj de René estis bonhavaj ĉehdevenaj komercistoj) disponas nuntempe pri neniu familie heredita objekto: ĉio en la hejmo estis priŝtelita. Kiam oni komencis renovigi la hejmon post la milito, en la ĉambroj kreskis grandegaj fiherboj.

René estis riĉe dotita knabo, kiun ŝategis la homoj ĉirkaŭ si.

Li estis nur unu el la militaj sortoj, en kiu kroata Esperanto-Movado perdis plurajn tre valorajn membrojn. La sorto kiu post pli ol jardeko ricevis sian tombon.

*Spomenka Štimec*



## NI FUNEBRAS

Margareta Gita Mandić

membro de Esperanto-Societo en Rijeka forpasis en Opatija en aŭgusto 2002. Ŝi naskiĝis en Zagrebo la 2-an de septembro 1922. Ŝi laboris en Urba magistrato de Rijeka kaj pensiiĝis kiel oficistino. Ŝi esperantistiĝis en la jaro 1988 kaj de tiam membris en la Societo de Rijeka kun sia edzo Igor.

Rudolf Medved

forpasis en Čavle la 14-an de novembro 2002. Li naskiĝis la 4-an de oktobro 1915 en Rijeka. Li estis metiisto. Post la Dua mondmilito li laboris en Zagrebo. De post la jaro 1971 li vivis en Rijeka kaj post la emeritiĝo li translokiĝis al Čavle. Esperantistiĝis en la jaro 1935 en la tiama Sušak. Samjare li gvidis kurson en sindikata organizaĵo sed ne finis ĝin ĉar li estis arestita pro sia progresema laboro. Li estis partizano ekde la 15-a de aŭgusto 1941. Dum la Dua mondmilito li estis militkaptita de italoj kaj travivinta du jarojn en koncentrejo en Italio. Poste li estis denove en la partizana armeo kaj partoprenis la liberigon de Zagrebo en majo 1945. Membro de la Societo en Rijeka ekde la jaro 1971.

***Sinceran kondolencon ni esprimas al la familianoj de la forpasintaj membroj de Esperanto-Societo Rijeka.***

## ZAGREBA METODO EN LA POLA

Ĉe eldonejo KLEKS en Pollando, en urbo Bielsko Biała, aperis lastatempe pollingva lernolibro por komencantoj . La zagreban lernolibron por la poloj prilaboris Jerzy HANDZLIK. La libro titolita ĈU VI PAROLAS ESPERANTON? estas riĉigita per interesa kolekto de ttt-paĝoj kaj vigla titolpaĝo. La eldonkvanto estas 1000 ekz.

*S. Štimec*




***Titolpaĝo de la pola eldono de populara Esperanto-lernolibro.***

## MORTIS POETINO LJERKA MIFKA

**La 17-an de novembro 2002 mortis kroata poetino Ljerka Mifka, estimata eseisto kaj pentristkritikisto. Ŝi publikigis dek librojn. Kroata Esperanto-Ligo preparas Antologion de kroataj poetinoj en kiu troviĝos ankaŭ poemoj de Ljerka Mifka. Ŝiajn poemojn esperantigis Zora Heide. Ljerka Mifka estis specialisto pri la itala lingvo kaj redaktoro de pluraj kroataj gazetoj. Omaĝe al la poetino ni publikigas ŝian poemon.**

***Ljerka Mifka***

### EĈ NE UNU NIGRA GRAVURAĴO
***(Ni jednog otiska u crnini)***

Eĉ ne unu nigra gravuraĵo,
Nek aliaj signoj al la viv' proksimaj.
Ĉio de vi prisonĝita lokiĝus
En la plej etan ŝtonon fingroringan.
Nur herbo kovras
iom kaj neniom.

*Tradukis: Zora Heide*

# NI AKTIVAS EN KROATIO

## FILMO PRI KROATA ESPERANTO-LIGO

Neregistaraj asocioj kiuj ricevas financan subtenon de la kroata registaro por siaj projektoj, estas invitataj de Oficejo pri Asocioj de Registaro de Respubliko Kroatio publike prezenti sian laboron en Zagreba Foiro dum februaro. KEL prezentos sian projekton "Kurso pri komputilo por geavoj" kaj "Mezeŭropo estas mia hejmo".

Ĉar pluraj asocioj prezentiĝos per la dokumenta video-filmo, ankaŭ KEL sukcesis aranĝi filmeton pri si. Kroata filmreĝisorino, Romana Rožić, kiu mem lernis Esperanton, reĝisoris 8,5 minutan filmon per filmmaterialo pri niaj diversaj agadoj. Direktoro de la Kroata Televido Mirko Galić permesis uzi 2,5 minutojn da filmita materialo pri Esperanto-aktivecoj el la arkivo de kroata televido HRT. Aliaj materialoj venis el amatora fonto.

En la filmo pri la fenomeno Esperanto parolas gejunuloj kiuj en 1996 filmis junularan elsendon "Parlaonica", sekvas pluraj scenoj el la kongreso kaj ne mankas ankaŭ la lastatempaj sukcesoj de Stephanie Strunjak dum gastado en ŝatata televida programo "La vivanta muro". La zagreba premiero de la filmo okazos en januaro 2003 en Esperanto-Societo "Bude Borjan".

## INVITO PARTOPRENI EN "POKALO KOSTRENA 2003"

Post komenca sukceso Esperanto-Societo en Rijeka daŭre organizas "Kroatian Konkurson pri Scio de Esperanto por Lernantoj el Elementaj Lernejoj". Ni rememoru: fine de lernojaro 2001/2002 ni okazigis en "Esperanto Domo" Kostrena infanan konkurson en kiu elementlernejanoj montris sian scion pri la Internacia Lingvo kaj dume bone amuziĝis.

Ni invitas lernejojn anonci sian partoprenon en konkurso "Pokalo Kostrena 2003" de la 23-a ĝis la 25-a de majo 2003.

"Esperanto Domo" Kostrena denove malfermas sian pordon al lernantoj kaj iliaj instruistoj aŭ kursgvidantoj. Ni invitas vin veni al Kostrena vendredon la 23-an de majo 2003. Sabaton matene okazos la ekzamenoj kaj posttagmeze ekskurso. La ceteran tempon ni antaŭvidas por kultura aŭ amuzprogramo.

La prezo de la ir-revena veturbileto inter Zagrebo kaj Rijeka nun estas 132 kunaoj. La infanoj aĝaj malpli ol 12 jaroj pagas duonan prezon. La organizanto esperas je subvencioj por restado de la partoprenantoj.

La ekzameno baziĝos sur la Zagreba metodo kaj iom el la Esperanta historio kaj movado.

Kostrena bonvenigas ankaŭ lernantojn venontajn en propra aranĝo kaj ĉiun kiu volus kontribui al la sukceso de la aranĝo.

Por viaj aliĝoj dankas

Kroata Esperanto Ligo
kaj Esperanto Societo Rijeka.

Aliĝojn akcepteblas KEL fakse: 01/4619 373 aŭ rete: esperanto@zg.tel.hr
Respondeculo: Emil Hrvatin.

Ĝis revido en Kostrena!

***Boris Di Costanzo***

## La 14-a Montkabana Renkontiĝo (MKR) en "Bijele Stijene" 2003

La mallongigo MKR rilatas al MontKabana Renkontiĝo. Mea Bombardelli, Milivoj Uroić kaj Vanja Radovanović realigis tre sukcesan 13-an MKR kiun ĉeestis 43 esperantistoj el 9 landoj en Logarska dolina en Slovenio.

Ĉi-jara, 14a MontKabana Renkontiĝo (MKR), okazos inter la 25-a kaj 28-a de septembro 2003 en montkabano "Bijele Stijene" en vilaĝeto Tuk apud Mrkopalj en Gorski Kotar. La aliĝilo kun prezoj kaj kondiĉoj aperos marte kaj troveblos rete je MKR-retpagxo ( http://www.angelfire.com/va2/Vanja), en la ejo en Amruševa 5/I, en la oficejo de KEL en Zagreb kaj esperæble ankaŭ estos dissendita en unu el la venontaj numeroj de "Tempo". Tiuj kiuj interesiĝas pri ĉi-jara MKR povas ankaŭ viziti la retpaĝon de la ejo: http://www.tel.hr/euroliber/.

## KEL KAJ "ACADEMIA CELEMANTIA"

Prezidantaro de Kroata Esperanto-Ligo decidis dum sia kunsido de la 12-a de decembro 2002, ke KEL aliĝos al Libera Eŭropa Universitato "Academia Celemantia" en Komarno, Slovakio kiel kunfondinto kaj investinto de la baza kapitalo. Per investo de 5000 eŭroj, la investinto ricevas rajton je unu voĉo en estrado de la Universitato. KEL transprenis taskojn informi pri ekzisto de "Academia Celemantia" kaj stimuli lekciistojn kaj studentojn je kunlaboro.

## INVESTI EN NEMOVEBLAĴON

Prezidantaro de Kroata Esperanto-Ligo decidis dum sia kunsido de la 12-a de decembro 2002 ke la membroj de prezidantaro esploru la eblecojn por investo de KEL-rimedoj en nemoveblaĵon. La bazon de la rimedoj prezentas la kongresa gajno. Por komenci solvi la problemon, oni unue lanĉis la procedon de kolektado de monrimedoj. Certe longa vojo estas antaŭ ni... ĝis la solvo de la problemo. Eble iam ni posedos nian propran ejon en Zagrebo.

## ESPERANTO DUM DECEMBRO EN 6 ELSENDOJ DE LA KROATA TELEVIDO

Dum decembro aperis kelkaj pozitivaj prezentoj pri Esperanto en la kroata TV. La **1-an de decembro** en la populara TV-elsendo "Vivanta muro" gastis Stephanie Strunjak, 13-jara knabino kies fabelo gajnis premion en la finna fabelkonkurso.

La **10-an de decembro** unu el la veteranaj membroj de zagreba Esperanto-komunumo gastis en vaste rigardata elsendo "Tutgloba kunestado": Sava Matetić-Lučić, prezentita kiel ekzemplo kiel eblas vigli estante 83-jara, kaj konservi, interalie, mensan freŝon. La elsendo estis ripetita la **11-an de decembro**.

Konata zagreba aktorino Vida Jerman eldonis kompaktdiskon "Brazila Akvarelo", surbaze de recitkanta programo de la brazila UK. Du televidaj elsendoj raportis pri la nova disko en Esperanto la **17-an de decembro**.

Konata kroata lingvisto, Dalibor Brozović estis intervjuita pri la planlingvoj kadre de la prezento de la nova projekto pri la komuna slava lingva, kiun traktis prestiĝa kultura elsendo "Duonhoro da kulturo" de la Kroata TV la **20-an de decembro 2002.** Li profitis la okazon por serioza prezento de Esperanto. En la sama elsendo gastis ankaŭ aktorino Vida Jerman ilustrante aplikon de Esperanto en sia fako.

Stephanie Strunjak estis gasto en porinfana TV elsendo "Eta granda mondo" la **24-an de decembro 2002**.

Ni sukcesis realigi dum decembro 6 televidaj elsendoj.

***S. Štimec***



***Sur la foto: Junularo ekskursas al Luksemburgio dum IS 2002.***

## LIGO "HUMANITAS"

Ligo "Humanitas" estas internacia asocio kun sidejo en Kroatio, kiun post Hilelisma rondo lanĉis zagreba esperantisto Mato Špekuljak. Laŭ sia difino, la Ligo estas "neregistara, nepolitika, senprofita organizaĵo por praktikado kaj disvastigado de universalaj humanismaj valoroj: edukiteco, klereco, kultureco, nobleco, homeco, amikemo, afableco, bela sinkonduto, bona gusto".

La ligo eldonas internajn komunikilon kaj adresaron, organizas prelegojn, seminariojn, ekskursojn kaj aliajn aranĝojn kun humanisma enhavo, kunlaboras kun similspecaj organizaĵoj kaj institucioj. En la ligo oni ne pagas membrokotizon, nur libervolajn donacojn.

Al la ligo aliĝis ducento da personoj el la tuta mondo. Kun konata zagreba kulturcento KIC la Ligo lanĉis ekde novembro serion da prelegoj pri humanistoj kaj preparas kelkajn internaciajn humanistajn aranĝojn en Kroatio, el kiuj iujn en Esperanto. La unua okazos fine de majo sur la insulo Pag. Mato Špekuljak kun kelkaj samrondanoj lanĉis sendependan kroatian Esperanto-Forumon, kiu celas liberan plivastigadon de informoj pri Esperanto en Kroatio kaj pri Kroatio en Esperanto. Laŭ la deziro de iniciatintoj ĝi estu subigita al neniu persono kaj neniu organizaĵo sed estu samtempe sincere kaj senautaujuĝe malfermita al ĉiu bonvola persono kaj organizaĵo havanta rektan aŭ nerektan rilaton kun Esperanto.

Detaloj ĉe http://groups.yahoo.com/group/kroatio

***S. Štimec***

## "Instrukcioj ..." denove sursceneje

La teatraĵo de Vanja Radovanović "Instrukcioj pri simpla vivo harmonie kun la naturo, parto unu" montriĝas la plej sukcesa teatraĵo en la historio de Studenta Esperanto-Klubo. La sesa prezento de la teatraĵo okazis en Varaždin la 30-an de oktobro 2002 en Učenički dom, por sepdeko da spektantoj. La teatraĵo, en kiu ĉefrolas la neceseja paperrulaĵo havis en decembro ankaŭ sian duan internacian gastadon, ĉi-foje en Germanio. La teatraĵo ironie rekreas la etoson de la televidaj kvizoj. Ĝi estis prezentita kadre de Internacia Seminario en Trier ( de la 28-a de decembro2002 ĝis la 3-a de januaro 2003.) La ĉefa temo de la seminario estis "Ekstremismoj". Eventuala gastado en Koprivnica estas traktata.

## Esperantaj naĝtagoj en Slovenio

Studenta Esperanto-Klubo havis en la lasta tempo plurajn aktivecojn, el kiuj elstaris LA UNUAJ ESPERANTAJ NAĜTAGOJ EN SLOVENIO. La iniciato venis de Vladimir Kamenski kaj realigis la programon de naĝrenkontiĝo en Čatež Manca Turk. En la fama slovena banloko Čatež de la 22-a ĝis la 24-a de novembro renkontiĝis dek esperantistoj el Kroatio, Slovenio kaj Usono. En la centro de la programo estis naĝado kaj interparolado pri estonta kunlaboro. Ne mankis gustumado de la slovena vino kun specialiaĵoj. La renkontiĝo tiom plaĉis ke la venontan transliman oni planas en formo de sledrenkontiĝo en februaro.

***laŭ Manca Turk***

# NI AKTIVAS EN KROATIO (2)

## ZEO EN NAŜICE

Malfacile naskiĝas Esperanto-Monumento en Naŝice kie la 1-an de aprilo 1862 naskiĝis Mavro Ŝpicer, fondinto de Unuiĝo de kroataj esperantistoj el la jaro 1908. Samjare aperis liaj lernolibro kaj informbroŝuro pri Esperanto. En la jaro 1909 li redaktis la unuan kroatan Esperanto-gazeton. Li kompilis la unuan antologion de la kroata poezio "Kroataj poeziaĵoj" en la jaro 1912 kaj publikigis ĝin siakoste en Budapeŝto. Kroata Esperanto-Ligo petis estraron de la urbo Naŝice omaĝi al la meritoplena samurbano kiu mortis en Zagrebo la 4-an de aŭgusto 1936. Kvankam ni jam posedas dokumenton de la Urba Konsilantaro de la Urbo Naŝice kun la decido ke unu el la stratoj de Naŝice portos la nomon de Mavro Ŝpicer, ni daŭre ne povas montri la foton de la strato. Dum sia kunsido de la 13-a de decembro 2002, membroj de Urba Konsilantaro denove decidadis pri la strato de Mavro Ŝpicer. Nun la strato Mavro Ŝpicer ricevis sian geografian precizigon: ĝi estos la strato kiu kunligas la straton de Ivan Goran Kovačić kun la strato de Viktimoj de faŝismo. La dokumentojn pri la decido kolektis esperantistino Vesna Ogrin el Naŝice.



**Mavro Ŝpicer, pioniro de Esperanto en Kroatio**




**Titolpaĝo de la impona verko pri ZEO-j de Hugo Röllinger**

## NOVA KAJ PLI RIĈA "ESPERANTSKI MOZAIK" ANTAŬMENDEBLA MALPLI KOSTE

Kompilita de Davor Klobučar el Osijek, "Esperantski mozaik" fariĝis, sincere dirite, la plej kompleta nacilingva informlibro pri la fenomeno Esperanto. Ĝi parolas per vortoj de pluraj kunlaborantoj, sen mitoj kaj sen troigoj, reale kaj super ĉio argumentite pri Esperanto, ĝiaj atingoj, ĝiaj celoj, rompante la antaŭjuĝojn. La libro povas esti ankaŭ via persona konsultlibro pri argumentoj per kiuj ni elpaŝu antaŭ la interesiĝantojn pri nia lingvo. Ĉar la unua eldono elĉerpiĝis, Davor Klobučar preparis la duan, kompletigitan eldonon, kiu superos 300 paĝojn, estos fote ilustrita kaj grafike pli alloga. La nova eldono estas pliriĉigita per ampleksa ĉapitro pri la UK en Zagreb en 2001.

Ekde nun daŭras abonperiodo por aĉeti malpli koste la aperonantan libron.

La antaŭmendojn akceptas egale:

- la eldonisto:

**Esperanto-societo "Liberiga Stelo", 31000 Osijek, p.p. 27**

- kaj la presisto:

**"Grafokom", Josip Pleadin, Grkinska 1, 48350 Đurđevac**

La mendo validas se via pago (per poŝtmandato) de **100,00 kunaoj** atingas nin ĝis la 31-a de marto 2003. Post tiu dato la libro kostos **120,00** kunaojn.

## ĈIUJ RAJTOJ REZERVITAJ

Zagreba eldonejo "Izvori", kies posedanto estas Damir Mikuličić, lastatempe lanĉis belan kutimon por indiki ĝeneralaĵojn en siaj libroj. Por la libroj en la kroata traduko li uzas en kolofono kutimajn vortumojn en Esperanto. Tiel la esprimoj "ĉiuj rajtoj rezervitaj" kaj "originaltitolo" troveblas en liaj novaj eldonaĵoj en Esperanto.

## KROATOJ EN ĈEBOKSARI

Du Zagrebanoj (Tomislav Divjak kaj Vladimir Dujnić) partoprenis en oktobro en Rusio, en la urbo Ĉeboksari kaj en la tiea Lingva Festivalo prezentis la kroatan lingvon.

## KALENDARO POR LA JARO 2003

Davor Grgat, esperantisto el Split, ankaŭ por la jaro 2003 kiel dum la antaŭaj jaroj, eldonis etan poŝkalendaron kun Esperantaj bondeziroj. Kiam la Asocio de Poljic-anoj, asocio al kiu li apartenas, eldonas fotokalendaron pri Poljice, Davor Grgat ne maltrafas la okazon por ornami ĝin per Esperantaj bondeziroj. Ekzistas multaj manieroj kiel agi. Kion vi faris lastatempe por Esperanto?

## ESPERANTO EN LIBROFOIRO EN PULA

La 8-a librofoiro en Istrio okazis de la 2-a ĝis la 12-a de decembro kaj ĝi per sia amplekso kaj kvalito aprtenas al la plej grandaj kulturaj eventoj en Kroatio en la jaro 2002. Organizis ĝin, kun pluraj kunlaborantoj, Magdalena Vodopija posedanto de librovendejo kaj antikvaĵejo. La foiro okazis en Pula, la plej granda urbo en la duoninsulo en Istrio, fondita en la tempo de regado de romia imperiestro Julio Cezaro. (Estas interese mencii ke en Pula dum kelkaj monatoj de la jaro 1904 kaj 1905 la anglan lingvon instruis en Lingvolernejo Berlitz la fama irlanda verkisto James Joyce.)

En la ĉi-jara librofoiro estis ekspozicitaj ĉ. 10.000 libroj de 275 eldonistoj ĉefe el Kroatio kaj Britio, Ĉeĥio kaj Slovenio, Italio, Bosnio kaj Hercegovino kaj Jugoslavio. Speciala gasto de la foiro estis Ĉeĥio. La ekspozicio okazis en Domo de Kroata Armeo, belega konstruaĵo de la iama Marinecasino, konstruita en Aŭstro-Hungara epoko.)

Kadre de la foiro okazis pluraj renkontiĝoj kaj interparoloj. La Kroata PEN-Centro organizis en la foira kafejo "Mozart" literaturajn kunvenojn pri tradukado, lingvaj rajtoj kaj literaturoj de tiel nomataj "malgrandaj lingvoj". La 5-an de decembro dum la kunsido de PEN siajn lingvojn kaj literaturojn prezentis skoto James Kelman kaj kimro Niall Griffiths. Post ili Georgio Silfer, reprezentanto de Esperanta PEN prezentis literaturon de William Auld - kandidato por Nobelpremio. Lian prezenton en Esperanto kroatigis d-ro Ivo Borovečki el Pula.

La 11-an de decembro 2002 la kunsido de PEN rilatis al Universala deklaracio pri lingvaj rajtoj kaj aldone al lingvoj sen ŝtatoj. Fine de la kunveno d-ro Ivo Borovečki parolis pri romaoj kaj ties lingvo kaj ankaŭ pri Esperanto. Li ankaŭ prezentis poemojn en la romaa kaj en Esperanto, kun tradukoj kroaten. Gazetoj "Glas Istre" kaj "Večernji list" menciis la elpaŝon de esperantistoj dum la foiro.

*Ivo Borovečki*

## YUMEIHO-TERAPIO PREZENTITA EN KROATIO

Masayuki Saionji, japana masaĝisto kiu lanĉis sian propran masaĝteknikon kaj terapion nomata "Yumeiho" gastis en Kroatio. Lian kurson por la kroataj fizioterapiistoj organizis KEL kunlabore kun Privata praktiko kaj rekapabligejo. Al la 3-taga kurso venis dudeko da terapeŭtistoj el la tuta lando. Pluraj estis senditaj al kleriĝo per siaj hospitaloj aŭ banlokoj. Inter la kursanoj troviĝis ankaŭ pluraj partoprenantoj kiuj ne rilatas al medicino sed kies hobio estas sanigaj metodoj.

La elementa kurso daŭris de la 22-a ĝis la 24-a de novembro 2002. Ĉiuj kursanoj ricevis trilingvan atestilon pri la kursoĉeesto. Post la kurso pluraj kursanoj subemtiĝis al la nedeviga ekzameno, per kio ili povis akiri diplomon de la unua grado pri Yumeiho-terapio.

La kurso estis plia apliko de Esperanto por fakaj celoj. Inter Esperanto kaj la kroata tradukis Spomenka Štimec.

Masayuki Saionji planas reveni al Kroatio en aprilo 2003 por daŭrigi edukon de la kursanoj kaj instrui denove en la baza kurso, se intereso montriĝos.

La organizon de la kurso grave helpis realigi Gordan Jambrek.

***Sur la foto:*** *kursanoj kun Masayuki Saionji.*



## FAJRO EN KNEZA MISLAVA

Dum la jaro 2002 ne mankis al ni diversaj ekscitaj eventoj. Eĉ la fajro en la konstruaĵo en Kneza Mislava 11 okazis la 30-an de decembro 2002. Iu najbaro klopodante bruligi la fajron, bruligis kamentubon. Kolektiĝis pluraj fajrobrigadaj aŭtomobiloj... Feliĉe, krom la spertita fumo, nia oficejo restis sen pliaj damaĝoj. La najbara fotisto fotis por vi la scenon.



## KOMPUTILA KURSO POR NIAJ MEMBROJ DE LA TRIA AĜO

Kroata Esperanto-Ligo organizas jam la trian jaron specialan kurson por eduki pri komputiluzo siajn membrojn de la tria aĝo. La kurson gvidis de oktobro ĝis januaro Ankica Jagnjić. La kurso funkciis en du grupoj, komencantoj kaj progresintoj. Partoprenis 10 membroj kiuj laboris ĉe tri komputiloj de KEL. La financajn rimedojn por la kurso provizis Ŝtata instituto por protekto de familio, patrineco kaj junularo. La kurso estis malferma al zagrebanoj sed partoprenis ĝin ĉefe membroj de "Bude Borjan" kaj de Kroata Esperantista Fervojista Asocio. La foto prezentas komancantojn dum la leciono.



# MEZEŬROPO ESTAS MIA HEJMO

## 31-a de aŭgusto - 7-a de septembro 2003 en Rijeka-Kostrena

## Temoj:
## 1. Arkitekturo de Mezeŭropo
## 2. Mondmilitoj en Mezeŭropo

Kroata Esperanto-Ligo invitas vin al sia projekto "Mezeŭropo estas mia hejmo".

### KIO KAJ KIE?

Se vi ŝatus amikiĝi, amuziĝi, bani kaj naĝi en la pura Adriatika maro, paroli Esperanton, diri vian opinion pri la temo, konatiĝi kun Kroatio, viziti vidindaĵojn, sunumi, nepre venu en Esperanto-domon en urbeto Kostrena, apud Rijeka (Norda Adriatiko). La domo havas grandan terason (kie ni povas kanti, labori kaj rigardi la stelojn), 10-litajn ĉambrojn, manĝejon, kuirejon, duŝejojn kaj necesejojn. Estos organizataj ankaŭ ekskursoj al Rijeka (unu el la plej grandaj kroataj marurboj), Trsat (fama kroata pilgrimejo), Opatija (konata turisma urbeto ekde Aŭstro-Hungario).

Krom amuziĝo, ni ankaŭ diskutos pri historio de Mezeŭropo de la 20-a jarcento. Aparta akcento estos je la temo arkitekturo ĉar la jaro 2003 estas proklamita "Eŭropa jaro de arkitekturo". Ni kompos niajn nacilingvajn lernolibrojn samkiel komunajn trajtojn kaj diferencojn inter Mezeŭropaj landoj.

### KOTIZO

Ĝis la 31-a de marto 2003, kotizo estas 125 eŭroj (15,63 eŭroj po tago), kaj poste 136 eŭroj (17 eŭroj po tago).

La unuaj du aliĝontoj el ĉiuj mezeŭropaj landoj pagas nur 9 eŭrojn tage (72 eŭrojn entute).

Partatempa aliĝo estas 20 eŭrojn tage.

***Darko Blažić***



***Mezeŭropo estas mia hejmo, 2002***

# KIEL FORMIKBEBO SAVIS FORMIKEJON KAJ KONATIĜIS KUN AVO FROSTO

En la mondo ekzistas multaj landoj en kiuj vivas diversaj homoj, sed krom tiuj homlandoj ekzistas ankaŭ diversaj bestolandoj en kiuj vivas diversaj bestoj. Ili havas siajn urbojn, vilaĝojn, stratojn, vendejojn, malsanulejojn, lernejojn ... Tie vivas bestoj kiuj same kiel homoj okupiĝas pri diversaj profesioj.

Iutage en unu por ni malgranda formikejo, sed por formikoj granda formikŝtato ekestis grandega kaoso. Nome formikoj meteorologoj, pere de siaj tre precizaj instrumentoj eksciis ke al ilia lando alproksimiĝas terura tempesto. La plej terura kiun ili iam havis. Ili kalkulis, kaj kalkulis kaj komprenis, ke la tempesto komenciĝos post nur 12 horoj. Post longa studado ili kun granda timo raportis al sia reĝino: La suno malaperos kvazaŭ ĝi forirus ferii, kaj ĝin anstataŭigos malbonaj nigraj nebuloj nebuloj kiuj jam delonge atendas okazon por elverŝi sian pluvon ien. Unuajn tri tagojn pluvegos kaj pluvegos. Akvo leviĝos ĉie kaj al nia formikejo minacas granda inundo. Sed tio ne estas ĉio. Post tritaga pluvego komencos hajli. Hajleroj estos grandaj kiel kokinaj ovoj kaj al nia formikejo minacos ruiniĝado. Kiam hajlero ĉesos, komenciĝos terura neĝa tempesto kiu kovros nian tutan formikejon, se ĝi entute ĝis tiam ekzistos.

La formikreĝino kun granda pacienco aŭskultis siajn meteorologoj kaj terure ektimis kaj tristiĝis: Kion ni faru, kion ni faru ... Ne temas nur pri nia formikejo sed ankaŭ pri Formik-avo Frosto. Li jam estas survoje al ni. Li tute ne scias kio okazos, granda malfeliĉo minacas ankaŭ lin...

La reĝino tuj vokis siajn formik-generalojn kaj informis ilin pri la problemo. Ĉiuj formikgeneraloj tuj alvenis en siaj brilaj uniformoj, pacience aŭskultis la reĝinon sed ili ankaŭ ne sciis kion fari. Ili nur zorgoplene movis kapojn. Ekestis granda profunda silento, ĉar ĉiuj nur zorgoplene pensis pri la problemo.

Tiam subite el ia malhela koridoro aŭdiĝis voĉo: Mi scias, mi scias ...

La reĝino kaj la generaloj levis kapojn kaj rigardis tiudirekten. Ĉiuj atendis alvenon de iu saĝa maljuna formiko-sciencisto. Sed, anstataŭ li, ĉe la enirpordo prezentiĝis tute malgranda formiketo. Li estis tiom malgranda, ke inter liaj kurbaj kruretoj videblis vindotukoj. Li estis tiom malgranda, ke li fakte estis ankoraŭ formika suĉbebo.

- Jes mi scias - daŭrigis la formika bebo - mi scipovas konstrui la plej bonajn kaj la plej fortajn sablokastelojn en la tuta formika infanĝardeno. Mi scias kie troviĝas ege bonaj arbfolioj, trunketoj, ŝtonoj kaj aliaj konstrumaterialoj por konstrui ŝirmejon. Sed por bona ŝirmejo oni bezonas ankaŭ harojn de feinoj. Per tiuj haroj ni povas ĉion kunigi tiom bone ke neniu tempesto povas detrui nian formikejon.

Ĉiuj generaloj surprizite aŭskultis malgrandan formikon, ĉar ili neniam vidis feinojn en sia arbaro. Malgranda formiko tiam klarigis al ili, ke plenkreskaj formikoj kaj generaloj neniam povas vidi feinojn, tion povas nur bonaj formikinfanoj.

La reĝino dankis al la malgranda formiko kaj nomis lin ĉefgeneralo por ke li povu rapide ordoni al ĉiuj formiksoldatoj kion fari. Formiketo tuj sendis ĉiujn formikojn kuri al arbaro kaj kolekti tion kion li postulis. La plej fortaj formikoj kunportadis ŝtonojn, iom pli malfortaj lignon kaj trunketojn, kaj la plej malfortaj portis nur arbfoliojn. Formikaj virinoj kunportadis multe da nutraĵo kaj ĉion ordigis en profundaj tuneloj. Li mem kun aliaj formikbeboj iris al sekreta loko en la arbaro kie feinoj kutimis kombi sian longan belegan hararon. Kiam ili kunportis ĉion kion ili bezonis, la formikbebo komencis konstrui ŝirmejon. Ĉiuj helpis lin, eĉ formikreĝino mem forprenis sian kronon kaj laboris kun li. Ili laboris longe kaj jam estis lacegaj. Tiam iu meteorologo pere de radio kaj televido informis formikpopolon ke la tempesto baldaŭ komenciĝos. Per siaj lastaj fortoj ili plirapidigis sian laboron. Ili laboregis, kaj laboregis ... kaj finfine ilia ŝirmejo estis preta. Ili feliĉe foriris al siaj ĉambretoj. Tie ili sidis timeme atendante kio okazos. Post kelkaj minutoj komenciĝis terura tempesto. Kiam audiĝis unua fulmotondro, la tuta formikejo ekskuiĝis. Ĉiuj ektimis sed nenio danĝera okazis al ilia formikejo. La generaloj per laŭtparoliloj informis ĉiujn, ke ili ne zorgu ĉar ĉio estas en ordo, kaj eĉ unu guto da pluvo eniris ilian formikejon.

La molbona vetero daŭris naŭ tagojn, dum kiuj ekstere pluvis kaj fulmis, sed en la formikejo ĉio estis en ordo. Ili ankaŭ havis sufiĉe da manĝaĵo kaj trinkaĵo. Ĉar ili nenion alian povis fari, ili okupiĝis pri preparlaboroj por Kristnaska kaj novjara festo. Ĉiuj bele ornamis unue siajn ĉambrojn, poste siajn domojn, kaj poste stratojn, lernejojn, vendejojn ... ĉio brilis. Kaj kiam ankaŭ tiu laboro estis finita ĉiuj formikoj ornamis la kastelon de sia reĝino. La reĝino tiam invitis ilin ĉiujn al sia plej granda kaj luksa salono t.n. "Granda Salono". Tie estis ankaŭ bele ornamita scenejo. Sur ĝin alvenis la reĝino kun siaj generaloj. Kiam ŝi invitis ankaŭ la malgrandan formiketon, ĉiuj aplaŭdis. Kiam li venis antaŭ la reĝinon, li genuiĝis. La reĝino tiam prenis belegan brilan ordenon. Ŝi volis meti ĝin al la brusto de formiko sed lia brusto estis tro malgranda. Tial ĝi devis meti ĝin al liaj vindaĵoj.

- Tiun ĉi ordenon vi ricevas por saĝo kaj kuraĝo, sed tio ne estas ĉio. Vi nun regos en nia reĝolando kun mi. Mi havas ankaŭ filinon, kiu fariĝos via edzino kiam vi plenkreskiĝos ...

Tiam sur la scenejon alvenis belega formik-princino. Ŝi kisis la formiketon. Ĉiuj formikoj aplaŭdis. Post tiu romantika momento la reĝino diris, ke oni povas komenci kristnaskan balon. Ĉiuj estis feliĉaj kaj gajaj. La orkestro belege ludis kaj ĉiuj dancis kaj kantis. La noktomezo rapide alvenis kaj tiam la formikoj iris dormi, ĉiu al sia ĉambro. Ili estis lacaj kaj de la granda laboro kaj de la bela vespero kaj ili rapide endormiĝis. Nur la malgranda formiketo kaj princino ne povis ekdormi. Ili estis tro eksciitaj kaj feliĉaj. Krom tio ili sentis ke ili enamiĝis kaj tio estis por ili tute nova sento. Kune ili du iris al iu loko kie en la tegmento formiketo faris truon por ke ili povu rigardi ĉielon. La ĉielo estis tute sennuba, klara kaj plenplena da steloj. Ili rigardis brilajn stelojn kaj tiam ili vidis, ke unu stelo komencis alproksimiĝi al ili. La stelo fariĝis ĉiam pli kaj pli granda kaj brila. Tiam ili aŭdis ankaŭ belan muzikon kiu fariĝis ankaŭ ĉiam pli laŭta. Kiam la stelo tute proksimiĝis ili vidis, ke tio tute ne estas stelo sed aro da lampiroj kaj fulgoroj, kiuj kvazaŭ ĉevaloj aŭ boacoj tiris ĉaron de Formika Avo Frosto.

El la ĉaro elsaltis formik-avo. "Infanoj, kial vi ne dormas?" - demandis li tuj. "Ni ne povas, ni estas tro ekscitaj kaj feliĉaj ..." Avo Frosto rigardis ilin iom tra okulvitroj kaj tiam diris: "Do, bone, ne gravas ... jen donacoj por vi..."

"Dankon, dankon" kriis la formikprincino kaj la formiketo. Dum ili malpakadis siajn donacojn Avo Frosto metis ĉiujn aliajn donacojn sub kristnaskajn arbojn por aliaj formikoj.

"Jen, infanoj. Mi devas urĝi... Feliĉan Kristnaskon al ĉiuj ..." - diris Avo Frosto, ensaltis en la kaleŝon kaj per folitigo tiklis lampirojn por ke ili ekflugu.

"Jen, iru ni ..." ĝoje ekkriis Avo Frosto kaj malaperis. La formiketo kaj la formikprincino ankoraŭ longe rigardis la ĉielon. Kiam ili laciĝis de tio, ili metis ankaŭ siajn donacojn sub la kristnaskan arbon kvazaŭ nenio okazis, kaj foriris al siaj ĉambretoj kaj litetoj.

Sekvontmatene, kiam formikoj vekiĝis, ili trovis donacojn. Ili miris pri tio kiamaniere Avo Frosto eniris ilian formikejon. Multaj ankaŭ scivolemis pri tio kiel li aspektas. La malgranda formiko kaj formik-princino nenion diris. Ili nur sekrete rigardis unu al alia kaj ridetis.

Stephanie Strunjak

*Esperantigis Judita Rey Hudeček*



***La aŭtorino de la fabelo, Stephanie Strunjak kun Avo Frosto. (Foto: Vedran Peteh, "Glorija")***




**Kiu legas Esperantajn fabelojn?**

**Jen Abir el Hindio (Bharato), filo de Probal Daŝgupto en la tempo kiam li legis "Mirindajn aventurojn de metilernanto Hlapiĉ".**



## STEPHANIE STRUNJAK

ZAGREBANINO
DE LA JARO 2002

GAJNINTO DE PREMIO
"FABELO INTERNACIA"
FINNLANDO 2002

# BONAN
# JARON
# 2003

